# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

AÑO VII N.° 10 (82) OCTUBRE, 1955

## EL BUEN CAMINO

El Esperanto es, para quienes tenemos la incomparable satisfacción de poseerlo, un manantial inextinguible de goce espiritual. Dilatar hasta límites inabordables el horizonte de nuestras posibilidades comunicativas, que prácticamente podrían juzgarse inasequibles sin su preciosa ayuda, es lo suficiente para que, estimando el milagro bajo el punto de vista puramente positivista, la humanidad entera se considere deudora de un inmenso progreso, logrado por medio del idioma auxiliar.

Aparte de los beneficios materiales que a diario nos proporciona el Esperanto: correspondencia, posibilidades turísticas, intercambio cultural, etcétera, hay otros beneficios morales, que todos conocemos, y que no debemos menospreciar.

Uno de ellos es la adquisición de una conciencia internacional, o supernacional, que difícilmente puede adquirirse sin su vehículo natural, que es, imprescindiblemente, un idioma capaz de llevar a cabo todo género de comunicaciones y anhelos. Tratar temas supernacionales en un idioma nacional, es como pretender que el idioma nacional de la medicina sea el alemán, el de la aviación el inglés, y el de las matemáticas el sueco. La falta de un idioma internacional hizo que el idioma internacional de la música sea el italiano, por ser prácticamente imposible que los intérpretes, especialmente del canto, aprendiesen las óperas en varios idiomas. De haber existido el Esperanto dos siglos antes, el uso del italiano para la música hubiese sido tan erróneo y descabellado como lo es, hoy día, el empleo del inglés para los códigos marítimos.

A pesar de guerras, tiranteces y recelos, el mundo marcha hacia su unificación. Largos siglos se emplearon para formar las nacionalidades, de donde nacieron, con algunas irregularidades, los estados. La conciencia internacional ha nacido,

# LA KONGRESO DE S. A. T.

La 28-a Kongreso de S. A. T. (Sennacieca Asocio Tutmonda) en Linz, Aŭstrio, de 6-12 aŭgusto, kunvenigis 615 partoprenantojn el 18 landoj. La Kongreso solvis en tri laborkunsidoj harmonie kaj kun optimismo la demandojn, kiujn starigas antaŭ la Asocio la nuntempe leviĝantaj problemoj. La Gvidrezolucio spegulas tiun laboron, substrekante la signifon de nia venontjara kongreso en la urbo Beogrado, ĉarniro inter okcidenta kaj orienta mondo, kaj akcentante nian deziron, ke la tutmonda evoluo konduku al rekontaktiĝo kun amikoj, kiuj nun estas disigitaj de ni.

Kvin prelegoj de la Laborista Universitato pri diversaj temoj parte sekvitaj de diskuto, trovis atentan aŭskultantaron. Ĉe la Malferma Soleno elstaris du gravaj alparoloj, tiu de la prezidanto de SAT, k-do Bannier, kaj tiu de la Viena ĉefurbestro, k-do Jonas. El multnombraj fak— kaj frakci— kunsidoj elstaris laŭ nombro de partoprenantoj tiuj de la Naturamikoj (TANEF) kaj de la Sindikatanoj. Por la publiko neesperantista estis vizitebla imponа ekspozicio, pri kiu ankaŭ la loka gazetaro menciis. Krome la publiko estis allasata al la dimanĉa Kultura Vespero, en kiu la urba orkestro prezentis plej belajn melodiojn de aŭstraj operetkomponistoj.

En la Adiaŭa Vespero kunlaboris la geknabaro, kies aparta kongreseto (la Dua Geknaba Kongreso) unuigis en ludo kaj seriozo 45 infanojn el multaj landoj. Inter ili troviĝis grupo de knabinoj el Birminghamo kaj grupo de knaboj el pariza ĉirkaŭurbo, kiuj demonstris frape, ke esperanto pli bone proksimigas ilin ol la provita dulingvisma eksperimento angla-franca. Ankaŭ ĉeestis knabo el Alĝerio.

La duontaga ekskurso sur Danuba ŝipo al Neuhaus iom suferis pro la pluva vetero, kvankam ĝi ne povis venki super la bona humoro de la kunveturantoj. En sia tuttaga ekskurso la kongresanoj ne nur ĝuis la belegaĵojn de la naturo en Salzkammergut, sed ankaŭ faris certan propagandan laboron: ja okazis akcepto ĉe la urbestroj de Gmunden kaj Lenzing.

La kongresanoj ŝuldas grandan dankon al la Organiza Komitato, kiu faris ĉion, por agrabligi la restadon en Linz kaj sukcesigi la kongresajn aranĝojn.—*M. H.*

## PORTUGALA GAZETO RAPORTAS NIAN KONGRESON

La portugala gazeto REPUBLICA aperigis tre detalan raporton pri nia pasinta kongreso en Gijón, verkitan de nia portugala amiko kaj esperanta verkisto S-ro Adolfo Augusto Nunes. La raporto, kiu okupas preskaŭ tutan paĝon, prezentas tre fidele la diversajn kongresajn aranĝojn kaj emfaze akcentas la valoron kaj utilon de Esperanto kaj niaj kongresoj. Estas tre agrable konstati, ke nia afero trudiĝas en la portugalajn mediojn, kaj ni esperas ke baldaŭ niaj portugalaj amikoj povos fine havi sian Asocion kaj labori por Esperanto.

---

aunque parezca paradójico, al conjuro de las dos últimas guerras. Y, así como las nacionalidades se formaron, exclusivamente, al derredor de los núcleos idiomáticos, el mundo futuro, en el que el golpe sea sustituído por el diálogo, necesita, imprescindiblemente, su instrumento. Para que la paz reine en el mundo, hacen falta muchas cosas. No bastará que todos hablen el mismo idioma, pero en el conjunto de premisas para que termine el estado de mútuo recelo, la condición inexcusable es esa. Para la unificación de los espíritus hay que pasar, primero, por la unificación idiomática.

Cuanto más se difunda el Esperanto, cuanto mayores sean los núcleos esperantistas en todo el mundo, hasta en los países que nos sean más hostiles, tanto menos se tardará en llegar a la deseada meta. Trabajar para el Esperanto es trabajar, directamente, para la paz mundial.—*R. H.*

## LA UNUA ESPERANTO-MONUMENTO EN LA MONDO

**En la decembra numero de nia Bulteno, ni publikigis sub tiu sama titolo leteron de sudetgermana esperantisto, sed pro manko de spaco, la letero estis tranĉita. Ni nun aperigas la ceteran parton.**

En 1938 la regiono, kun konsento de la indiĝena loĝantaro, fariĝis parto de la germana regno. La tiam al Esperanto malfavora registaro disigis la organizon kaj eĉ detruis la Esperanto-monumenton en Franzensbad. La liberigintoj, kiujn ni bonvenigis kaj eĉ kore akceptis, fakte faris kelkajn aferojn, kiujn ni ne deziris. La judomalamika sistemo serĉis ĉie por forigi ĉion, kio nur iel rememorigis pri tiu gento. Do la monumento kun la reliefo de Zamenhof sur la fronto ne rajtis plu ekzisti. Nun mi ekscias, ke la urbo ĉiam dece flegis la monumenton, kiu staris en bela parko, sed oni nenion povis fari kontraŭ la de supre ordonita forigo. Tamen fakte oni nur povis forigi la ŝtonojn, ne la memoron kaj precipe ne la ideon pri nia lingvo. Ĉu la bronzan reliefon de la busto de la Majstro oni konservis en muzeo aŭ aliformigis al alia objekto, ne estas ekscieblа.

Antaŭ ne longe mi ricevis de nekonata samideano el Carbayín, Asturio, S-ano Juan Josella, Oviedan gazeton ***Región,*** kiu sur la titolpaĝo havis artikolon pri Glinde, la Esperanto-vojo kaj mi. Mi tre miris, sed ektrovis la devenon. Post disaŭdigo de mia persona amiko S-ano Baur, en Svisujo, per Radio Beromunster, multaj gazetoj raportis pri la afero, kaj loka gazetisto intervjuis min. Poste aperis iom troiga artikolo en germana semajna revuo kaj el tiu oni tradukis kaj represis. Sed la ĉefa afero ja estas ke oni parolis pri Esperanto.

Lastatempe la germana gazetaro favore kaj grandspace raportas pri nia lingvo. Al la urbestro de Glinde mi promesis, ke mi iom mondfamigos Glinde, se li nomigos vojon laŭ Esperanto; mi povas diri ke mi sukcesis, ĉar neniam li estus supozinta, ke iam hispana gazeto raportus pri nia urbeto. Ĝi kreskis speciale pro la rifuĝintoj el la germanaj orient-provincoj, kaj en ĝi, same kiel en ĉiuj aliaj germanaj urboj kaj vilaĝoj, loĝas germanoj el ĉiuj partoj de la mondo. Ili devenas el la iamaj kolonioj de la riverego Volga, kie ili havis propran ŝtaton, el la kolonioj de la Nigra maro, el la duoninsulo Krim, el la baltaj landoj, el Hungarujo, el Rumanujo, el mia hejmo kaj aliaj landoj.

Ni sudetgermanoj, kiuj havis bonan organizon esperantistan, ankaŭ nun en Germanujo estas tiel organizitaj, ke niaj urboj kvazaŭ ekzistas en ekzilo. Ni havas gazetojn vilaĝajn, urbajn, regionajn kaj ĝeneralajn, kaj en ili ni daŭre varbas por Esperanto, per artikoloj, kiuj trovas simpatian akcepton. Ni sopiras pace reveni al nia hejmlando. Pri tio ni petas la komprenon de ĉiu homo, kiu amas sian hejmon. Ĉu nia deziro iam efektiviĝos?

*Bruno Gahler,* Glinde, Germanujo.

## LA RUZA ARABO

Hujaje estis, pro sia eksterordinara krueleco, la teruro de sia popolo, kaj tamen li eliris trankvile, sen eskorto kaj sen ia insigno pri sia aŭtoritateco kaj vagadis eĉ en foraj regionoj.

Iufoje li renkontis en la dezerto arabon, kun kiu li parolis, kaj nesenteble li faris jenan demandon: «Sed diru al mi, amiko, kia viro estas la kalifo? Oni tiom parolas pri li!». «Hujaje estas tigro», respondis la arabo, «monstro, ne homo». «Tio estas troigo», la kalifo respondis, «kaj eble vi ne povus prezenti pruvon, se oni ĝin postulus al vi». «La pruvon», respondis la arabo, «vi trovos en ĉiu provinco, en ĉiu urbo. Se vi volas, ĉiu el liaj regatoj povos rakonti al vi krimon, faritan de li kontraŭ lia familio. Li buĉadis milionon da homoj kaj tamen lia sango-soifo ankoraŭ ne estas satigita». «Ĉu vi vidis iam la kalifon?» demandis Hujaje. «Ne!», respondis la arabo, «kaj de tio, kion mi diris, vi povas konkludi facile, ĉu mi deziras vidi lin». «Vi vidas lin kontraŭvole», interrompis la kalifo, «kaj plie, vi parolas kun li».

Sen konfuziĝi pro tio, la arabo respondis sentime: «Kaj ĉu vi scias kiu mi estas?» «Ne!», respondis la kalifo, «sed tion mi deziras scii». «Mi apartenas al la gento de la Zabajroj», respondis la arabo, «kies idoj estas frenezaj unu tagon ĉiujare, kaj hodiaŭ estas ĝuste mia tago!» La kalifo admiris tiun sinregadon ĉe vulgara arabo, foriris kaj forgesis la okazintaĵon.

*Herder kaj Liebeskind*

Tradukis J. Juan Forné

# NOVAJ LIBROJ

*Recenzistoj esprimas ĉi tie siajn proprajn juĝojn pri verkoj.*
*La Redakcio kaj la Estraro de H E F estas tute sendependaj de iliaj opinioj.*

**NORDA PRISMO.** — Kultura, socia, literatura revuo dumonata (n.° 1 — Marto - Aprilo 1955). 64 paĝoj 21 x 15 cm. — Redaktoro: D-ro Ferenc Szilágyi - Mariedalsgatan, 9 - Borás. Administrejo: Barulmsgatan, 8 - Stockholm (Svedio). Jarabono: 15 int. rpk., 1'20 us. dol., 18 steloj, 50 pesetoj.

Unu post alia, ĉiuj specife literaturaj gazetoj ĝis nun aperintaj en nia Movado ade malaperis, kun la sola escepto de la jara SENNACIECA REVUO. Diversaj kaŭzoj, kelkaj el ili pro fatala trudo de flankaj cirkonstancoj, devigis la malaperon; sed estus interese studi iom funde la aferon, kiam la malapero okazis pro deficito en la budĝeto, kiel natura sekvo de ne sufiĉa nombro da abonantoj, kio fakte signifas manko de intereso ĉe la plej grava elemento por ĉiu publikigaĵo: la publiko!

Tial, D-ro Ferenc Szilágyi, fidinda mentoro de la nuntempa esperanta literaturo, en la momento prezenti al la tutmonda esperantistaro, de sur skandinavia angulo, la vive pulsantajn paĝojn de nova bonega revuo, saĝe kaj prudente avertas, en konciza antaŭparolo, ke «nia kulturo bezonas ne nur publikecon, sed ankaŭ publikon».

Tamen, ĉi tiu admono ne estas banala pledo por ia komerca klientaro. Ne! Ĉi tiu deklaro estas redaktora garantio, ke la nova beletra gazeto —flakono por rafinitaj esencoj— nepre gardos la superan rangon, kiun la unua numero montras, kiel «norda, progresa, observa, kritika, kultura, socia, literatura organo» en nobla aspiro kolekti ĉirkaŭ si kiel eble plej multajn legantojn; el inter la amantoj de la eterna Beleco.

En komenco de la redakcia artikolo, oni amike diras: «Ni sentas, kvazaŭ ni starus meze de la legantaro». Nu, ĉi tiuj vortoj, per si mem, kiel elokvente parolas!... Sen ia emfazo, tute simple, kiel pasie ili proklamas arogan devizon!... en direkto al la supre aludita celo krei senpere la necesajn intimajn rilatojn inter aŭtoro kaj publiko, inter redaktoro kaj abonanto, inter la cerbo kaj la koro, sen malatento por la manoj... Cetere, la redakcia artikolo mem estas elstara peco, kie sub titolo «Tra nia Prismo» oni sprite komentas la mizerajn argumentojn de niaj *sciencaj* kontraŭuloj, antaŭ la grava decido de UNESKO en Montevideo, ĉar «ne kredu, ke la stulteco estas privilegio de la analfabetoj».

Jam la ekstera aspekto logas kaj plaĉas. Sub eleganta kovrilo, sesdek-kvar paĝoj de bonega ebura papero —ho, la enviinda sveda papero!— formas albumon, kie rendevuas en harmonia aranĝo konataj nomoj de modernaj stilistoj, poetoj kaj prozistoj, kiuj, jen per subtilaj poeziaj nuancoj aŭ jen per trafaj esprimoj de sukoplena prozo —ĉarma prozo!— liveras valoran materialon por distri kaj instrui aŭ simple nur por agrable ripozigi la spiriton.

En ĉi tiu ideala koncerto, eĉ la okuloj ĝojas, ĉar supera regalo por ili estas la klara preso de la tekstoj kaj la milda kareso de la ilustroj, kiuj, larĝe tra la paĝoj, garnas oportune la unuan kajeron de salutinde bonvena revuo, kiu certe fariĝos regula vizitanto —sopire atendata— en la hejmo de ĉiu serioza samideano, pruvante tiel interne kaj *ekstere* de niaj vicoj, ke se nia Movado rajtas fieri pro romantikaj kompetentuloj, kiel D-ro Ferenc Szilágyi, ankaŭ ne mankas la komplemento de inteligenta amaso, kapabla kaj preta dialogi kun siaj propraj literaturaj gvidantoj.

*Luis Hernández.*

**LA KAPAO** kaj aliaj rakontoj, de la japana verkisto Akutagawa. Tradukis S-ro Nozima-Yasutaro. Libro 94-paĝa, eldono de Japana Eperanto-Instituto, Tokio, Hongo-Motomati I. Prezo: US dolaro 0,50.

Kvar rakontoj de japana aŭtoro Akutagawa, el kiuj La Kapao elstaras pro siaj fantazio kaj formo, en ia maniero, ke vi nepre rememoros tuj la stilon de mondkonata usona verkisto Edgar Poe. La tri sinsekvaj rakontoj pruvas la sagacon de Akutagawa, kiu ironie kaj humore disvolvas siajn argumentojn per plumo senembarasa.

La traduko de S-ro Nozima estas bonstila, kvankam kelkfoje tro katenita al la originala teksto. La eldono, senriproĉa, kaj nur laŭdojn ni ŝuldas al la entreprenema Japana Esperanto-Instituto, dank' al kiu ni posedas novan pruvon de universaleco de japana literaturo.

***Edca.***

# ESPERANTO EN ANGLA PORJUNULINA KOLEGIO

La Northern Counties Training College of Cookery and Domestic Science havas la loĝejan parton en Hexham, kaj en ĝi 96 junulinoj studas kurson kiu daŭras 3 jarojn por fariĝi instruistinoj pri la hejmaj sciencoj kaj artoj laŭ tre alta nivelo. La sama Kolegio havas alian domon en Newcastle-on-Tyne por dumtagaj studentinoj. En Hexham postenas kiel Bibliotekistino kaj Lektorino pri angla lingvo, literaturo kaj parolarto la eminenta kunlaborantino de BOLETIN, jam fama esperanta poetino F-ino Marjorie Boulton, al kiu krome la Direkcio ĵus faris Vic-estrinon de la tuta Kolegio kaj respondecan pri ĉiuj studentinoj en la loĝeja vivo. F-ino Boulton jam laboras tie dum kvin jaroj.

La esperanta vivo en la Kolegio estas tre vigla. La loka Delegito de U. E. A., S-ro John Brownlee kaj lia esperantista edzino Florence multe helpas; li instruas la elementan kaj mezgradan esperantajn klasojn ĉiusemajne, en ĉambro de la Kolegio mem. F-ino Boulton ankaŭ ĉiusemajne instruas la altgradan klason. Dekses junulinoj lernas Esperanton. Unu lektorino kaj kvin studentinoj, kiuj jam lernis ĝin, ĵus forlasis la Kolegion, kaj niaj entuziasmaj esperantistaj geinstruistoj jam komencis kampanjon por varbi novajn studentinojn.

En la Kolegia biblioteko ekzistas speciala parto de afiŝtabulo por bildkartoj el diversaj landoj, kartoj kiujn F-ino Boulton ŝanĝas ĉiusemajne, kaj la studentinoj tre ŝatas rigardi ilin. En la biblioteko troviĝas jam 40 esperantaj libroj kaj tri vortaroj. Kaj F-ino Boulton kutimas donaci interesajn Esperanto-librojn al tiuj studentinoj, kiuj aliĝas al U. E. A., al tiuj, kiuj forlasas la Kolegion post lerno de la internacia lingvo kaj al tiuj, kiuj sukcesas en Esperanto-ekzamenoj. Inter la nunaj junaj samideaninoj, estas kelkaj vere tre entuziasmaj. Ili jam ricevis vizitojn de gesamideanoj el eksterlando, kaj jam dufoje partoprenis en esperantaj kantoj kaj drametoj, ĉi lastaj verkitaj de F-ino Boulton. Oni planas multe pli riĉan esperantan vivon por la venonta jaro, kaj kelkaj studentinoj esperas ĉeesti baldaŭ mondkongreson. En pasinta Junio la Kolegio prezentis tre sukcese la dramon de Shahespeare «The Winter's Tale» (Porvintra Fabelo), ludata de la studentinoj mem, kaj tial ke la scenoj de la dramo okazas en Bohemio kaj Sicilio, la gvidantoj skribis al esperantistoj en tiuj landoj kun petoj pri informoj, kiuj estis tre volonte respondataj. Tio havigis al la organizantoj sukcesajn rezultojn, kiel ĉarmajn aŭtentikajn folklorajn kostumojn en pluraj scenoj (nia foto montras la «sicilian amason» dum la proceso) kaj krome oni povis mencii Esperanton en la programo kaj allogi la publikon per ekspozicieto de bildoj, libroj ktp. La loka gazeto ne nur komentis tre favore pri la prezentado, sed ankaŭ plurfoje laŭdis la uzon de Esperanto por aŭtentikigi kostumojn kaj diversajn aspektojn de la dramo.



F-ino Marjorie Boulton esperantiĝis en 1949 kaj multe korespondas, studas kaj verkas. Kaj kiam ŝi havas taŭgan okazon por fari tion digne kaj utile, ŝi ĉiam propagandas. Ŝia unua esperanta libro, KONTRALTE, aperos post kelkaj monatoj, eldonata de S-ro Régulo Pérez; ĝi estas libro de poemoj pri tre diversaj temoj, kaj inkluzivas sonetserion pri ŝia profesia laboro en la Kolegio kaj la psikaj problemoj de prelegistino inter siaj studentinoj. Ni aŭguras grandan sukceson al tiu libro.

Tre gratulinda estas la laboro de tiu entuziasma kaj fervora esperantistino, kiu tiom da tempo kaj energio dediĉas al la verkado, instruado kaj propagando en kaj pri Esperanto.

# DIVERSAĴOJ

***Ĉiu membro de nia Federacio aŭ abonanto de nia bulteno, sendinta solvon de enigmo, gajnos unu poenton. Gajnintoj de 10 poentoj ricevos libropremion. Ni akceptos solvojn ĝis la 1-a de Novembro.***

Ni ricevis korektan solvon de la enigmo n.º 21 el jenaj samideanoj: Oscar Corróns, M. Fernández Méndez, A. Madriles, S. Roca Rodó, J. M. Fontcuberta, V. Monsalve, A. Núñez Dubús. kaj V. H. Llusera, kaj de la enigmo n.º 22, J. Parada Ruiz, O. Corróns, M. Fernández Méndez, J. A. Daniel, P. Naranjo, S. Roca Rodó, J. M. Fontcuberta, V. Monsalve, A. Núñez Dubús kaj V. H. Llusera. Atingis 10 poentojn samideanoj O. Corrons, M. Fernández Méndez kaj A. Núñez Dubús, kaj ni sendas al ili la premiojn.

SOLVO DE LA ENIGMO N.º 21

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 1. Stalo | Staplo | P | 10. Lago | Lango | N |
| 2. Korno | Korano | A | 11. Pomo | Poemo | E |
| 3. Poto | Ponto | N | 12. Parko | Sparko | S |
| 4. Kulo | Okulo | O | 13. Tino | Tineo | E |
| 5. Kalo | Kablo | B | 14. Pato | Parto | R |
| 6. Perko | Peruko | U | 15. Fali | Falĉi | Ĉ |
| 7. Buo | Buŝo | Ŝ | 16. Mano | Manao | A |
| 8. Rabi | Rabio | O | 17. Ledo | Sledo | S |
| 9. Koto | Konto | N | | | |

«Pano buŝon ne serĉas».

SOLVO DE LA ENIGMO N.º 22

***Horizontale:*** 1 Gemo, otaK. 2 Remaĉbestoj. 3 An, Reiri, mU. 4 Seg, Fok, Apr. 5 Pala, Aero. 6 Labirinto. 7 Doti, Ĉamo. 8 Aga, Oft, Mis. 9 Ni, arioF, Ta. 10 Konglomerat. 11 Juli, Brut.

***Vertikale:*** 1 Rasp, Dank. 2 Genealogioj. 3 Em, Glata, Nu. 4 Mar, Abi, Agl. 5 oĉeF, Orli. 6 Biografio. 7 oerK, Tomb. 8 tsI, Anĉ, Fer. 9 At, aetaM, Ru. 10 Kompromitat. 11 Juro, osaT.

ENIGMO N.º 25

Mistera sumo, de V. Monsalve.

Oni anstataŭigis per literoj la ciferojn de la sekvanta sumo, intencante ke la kvantoj restus kaŝitaj. Tamen, oni povas solvi la problemon, ĉar ĉiu litero ĉiam anstataŭas saman ciferon.

Jen la problemo:

```
 KONI
 MALO
------
MANOJ
```

ENIGMO N.º 26

Krucvorta enigmo, de J. Devís.
Sama figuro de antaŭaj numeroj.

*Horizontale:* 1 (Rad) Antaŭkonsentita batalo inter du personoj. (Rad) Ŝtopilo destinita por enlasi aŭ allasi gason. 2 (Rad) Havanta samtempe la naskorganojn de ambaŭ seksoj. 3 (Inv) Kuraĝiga interj. (Inv) Kampara terposedaĵo. Pronomo. 4 (Rad) Granda serpento. Unuo de elektra rezistanco. (Rad) Rabobirdo. 5 (Inv) Batalilo. (Rad) Nevole seniĝi je posedaĵo. 6 (Rad) Parto de la militistaro kiu batalas piede. 7 (Inv) Granda kuvo el ligno. Egala. 8 (Rad) Ekstera vira vesto. (Rad) Verbo esprimanta la ekziston. (Inv) Konj. 9 Participa partikulo. (Rad) Neefektivigebla utopio. Ĥemia simbolo de la nitono. 10 Rakontisto kiu amuzas parolante tute sola. 11 Altvalora pro sia malofteco. Abstrakta koncepto de la spirito.

*Vertikale.* 1 Iama kampomezuro havanta ĉirkaŭ 10-15 hektarojn. (Inv) Monato. 2 (Rad) Malsupra termo de frakcio. 3 (Rad) Sovaĝa eŭropa bovo. (Rad) Tinkturo uzata kontraŭ kontuzoj. Ĥemia simbolo de la natrio. 4 Inklino. (Rad) Sendanĝera ulcereto en la buŝo. (Rad) Aro da personoj kiuj kantas akorde. 5 Ŝafa hararo. (Inv) Alimaniere. 6 Doktrino kiu celas havigi al la virinoj la egalecon kun la viroj. 7 Akra voĉsono. Kovri ion tiamaniere ke kovraĵo k kovritaĵo formas tuton. 8 (Rad) Rondforma elstara parto de iu organo. (Inv) Numeralo. (Rad) Montri subitan gajecon. 9 Sufikso. Estantaj en la aero. Dependiga konj, 10 Tiu, kiu vojaĝas por pie viziti sanktan lokon. 11 (Rad) Signotipo simila al kuŝanta litero S. Dramparto.

## LERNU TRADUKANTE

***Inter la sendintoj de korektaj tradukoj ni distribuos premiojn, laŭ samaj kondiĉoj kiel por la enigmoj.***

Ni petas al la sendontoj de solvoj de enigmoj kaj tradukoj, bonvole skribi sur apartaj paperoj pri la diversaj temoj: enigmoj, tradukoj, administraj aferoj kaj Libroservo. Tio estas, ĉiu el la kvar temoj ĉiam sur aparta papero. Dankon.

Ni ricevis korektajn tradukojn el jenaj samideanoj: S. Roca Rodó, V. Monsalve, V. Hernández Llusera, L. Santamarina, A. Núñez Dubús, R. Albero, E. Pons, J. Anguita, M. Fernández Méndez, J. A. Daniel kaj O. Corróns. S-ro E. Pons atingis 10 poentojn; sekve ni sendas al li la premion.

Jen unu el la plej korektaj tradukoj:

Ludoviko de Torres kaj Rodrigo de Jerez estis akceptataj same kiel dioj, alkurante al ili viroj kaj virinoj por ilin palpi kun admiro kaj kisi iliajn manojn kaj piedojn kvazaŭ ili venus el la ĉielo. Ili proponis al ili por manĝi, kion ili havis, kaj la plej gravaj de la vilaĝo kondukis ilin al la ĉefa kabano, sidigante ilin sur du seĝoj el la siaj, dum la ceteraj ekkaŭris ĉirkaŭ la paro da blankuloj. Kiam eliris la viroj, eniris la virinoj, sidiĝante sammaniere post kiam ili palpis ilin por ekscii ĉu ili estas el karno kaj osto, kiel la indianoj. La du ambasadoroj demandis pri la reĝo de la lando, kaj malgraŭ la helpo de indiano, el tiuj kiuj venis en la ŝiparo, kiu utilis kiel interpretisto, neniu scipovis informi ilin. Ili vidis kelkajn ĉefajn indiĝenojn, kiuj ŝajnis regi la aliajn, distingiĝante de ili pro sia pli granda dikeco, sed neniu el tiuj dikuloj, nudaj kaj aĉe pentritaj havis la plej malgrandan similecon al la ĉiopova «reĝo de la reĝoj», sinjoro de la supermezura Imperio de Ĉinujo.

***Noto:*** En la hispana originalo estis eraro. Anstataŭ ***la mejor semejanza,*** devis esti ***la menor semejanza.***

Pro manko de spaco, ni ne povas publikigi la kutiman tradukan taskon. Ni iom lasas la tradukemulojn ripozi ĉimonate, sed promesas laborigi ilin venontan monaton.

## LA KONGRESAJ EKZAMENOJ

Jen la nomoj de tiuj samideanoj sukcesintaj en la ekzamenoj okazintaj dum la lasta Kongreso en Gijón:

***Kapabla esperantisto:*** S-ro Ernesto Martínez Pérez, S-ro Santiago Arizmendi, S-ro Eduardo Padrao, S-ro Rosendo Abante Brujats, S-ro Conrado Berghanel, S-ro Florencio Villa García.

***Esperantista instruisto:*** S-ro Eduardo Padrao, S-ro Conrado Berghanel, S-ro Fernando de la Torre Rodríguez.

La kandidatoj loĝantaj en Valencio jam estis informataj pri la rezultatoj koncerne ilin.

Tiuj, kiuj deziros la diplomojn, devos sendi al nia Federacio po 15 pesetojn por ĉiu diplomo.

Por la Ekzamena Komisiono,

*Samuel Roca Rodó.*




**Instruisto S-ano Samuel Roca Rodó dum la Kongresaj Ekzamenoj.**

## Manuel Derungs Sixto

mortis en Ferrol del Caudillo, la 28-an de pasinta aŭgusto. Kvankam lia nomo ne estis tre konata de la hispana samideanaro, la estraro de Hispana Esperanto - Federacio tre bone konis lin pro lia entuziasmo kaj fervoro por Esperanto. Al liaj familianoj kaj esperantistaro de Ferrol, nian plej sinceran kondolencon

● El Japanio deziras korespondi kelkaj gejunuloj 15-17 jaraĝaj. Skribu al Kinomoto Esperanto-Societo, Kinomoto Altlernejo, Kumano-Si (Mie-ken), Japanio.

● Fraŭlo 30-jaraĝa deziras interŝanĝi p. k. kaj p. m. Adreso: K. Date, 106, Nishi 1 cho-me-Kibatake, Abeno-ku, Osaka, Japanio.

● S-ro Michel Arriola, 6 Place de l'Hotel de Ville, St. Chamond, Loire, Francujo, deziras korespondi.

● Komencanto 14-jaraĝa deziras korespondi per il. pk. kun Francujo, Usono, Kanado kaj Germanujo. Adreso: José Vicente Tortajada, Plaza Roncesvalles 2, 13.ª, Valencia, Hispanujo.

● Bulgaraj geedzoj deziras korespondi kun hispanaj gesamideanoj. Skribu al S-ro Spas Popov aŭ al S-ino Slavka Popova, str. Benkovska 82, Pazargik, Bulgario.

● «Esperanto en Poŝtmarkoj», interesa poŝtkarto montranta ĉiujn ĝis nun aperintajn esperantajn poŝtmarkojn. Tre interesa por la esperantistoj kaj la filatelistoj. Unu peco kostas 0,60 aŭstran ŝilingon. Rabato laŭ kvantoj. Mendu ilin al S-ro A. Sindl, St. Polten, Kirchenweg 12, Aŭstrio.


BOLETIN
de la
FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA
BULTENO
DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

Adreso de la Redakcio kaj Federacio
Str. Pelayo, 7, 1.ª - VALENCIA

Telefonoj: 19532 kaj 53579
Oficej - horoj
9 ĝis 13'30 kaj 15 ĝis 20
Sabate: nur 9 ĝis 13
Kunvenejoj
Marde: Str. Ruzafa, 7 (Casa Chaume)
De 22'30 ĝis 24
Sabate: Montepio de la Dependencia Mercantil
Str. San Vicente, 67, 1.ª
De 15'30 ĝis 18
Kotizoj de la Federacio
Simpla membro: 15 pesetojn jare
Membro-abonanto: 50 pesetojn jare
Membro-subtenanto: 80 pesetojn jare
La membroj de la du lastaj kategorioj ricevas la Bultenon. La subtenantoj ricevas du ekzemplerojn.
Eksterlanda abono al la Bulteno: 50 pesetojn jare
Monsendojn adresu al:
S-ro Ernesto Hurtado
Str. Pelayo, 7, 1.ª - VALENCIA


● Kun la celo helpi al la esperantistaro, mi starigis senpagan mondskalan Korespondan Servon, al kiu mi volonte dediĉos tempon kaj monon. Mi bezonas kolekti adresojn de korespondemaj esperantistoj en multaj landoj. Fine de la nuna jaro, kiam estos alvenintaj sufiĉe da adresoj ĉiulandaj, mi anoncos en la ĉefaj Esperanto-gazetoj, invitante la tutmondajn samideanojn dezirantajn korespondadi, ke ili sin turnu al mi por peti eksterlandajn korespondantojn. Skribu kun indiko pri adreso, aĝo, sekso, komencanto aŭ progresinto al S-ro Daniel Luez, Boulevard Brossolette, Laon, Aisne, Francujo.




PERIS-G. VIA M. TURIA, 28 VALENCIA